# juna amiko

INTERNACIA LERNEJANA ESPERANTO-REVUO



**Arde deziras proponi respondon knabino el la eksperimenta Esperanto-klaso en Budaörs, apud Budapeŝto.**

Februaro
N-ro 91/1
(56)
18a jaro

# SANKTA NIKOLAO MIS-SEZONE

Ni prezentis la novaĵojn pri nia revuo en la lasta numero en iom ŝerca maniero – bona novaĵo, malbona novaĵo. Nun evidentas, ke temis pri speco da nigra humuro – la ĉefa malbona novaĵo kuŝis tiam ankoraŭ ĵus antaŭ mi kaj ni.

Doninta la revuon al la presejo de Hungara Esperanto-Asocio en la 15a de novembro, mi eĉ ne dum momento dubis, ke ĝi pretos antaŭ kristnasko. Tial Sankta Nikolao paradis jam sur la tria paĝo.

Mi nun verkas la enkondukon por ĉi tiu numero je la 11a de februaro, praktike tri monatojn poste, kaj tiu presejo ankoraŭ ne liveris la pasintjaran numeron. Sankta Nikolao en la printempo ni preskaŭ povus toleri, sed la manko de la varbafiŝo kaj la listo de perantoj kun tarifoj en ĉi tiu tempo de drastaj ŝanĝoj estas por la revuo unuaranga katastrofo: ne eblas fiksi eldonkvanton por la nuna numero sen abonoj. Ĝis nun niaj veoj fontis el eksteraj instancoj kaj internaciaj faktoroj; jam ne plu – nun la movado mem kreas la obstaklojn.

Necesas tamen piednoti tiun aserton iomete: la presejo de HEA estas administre kaj finance tute sendependa de la centra HEA, eĉ ĝi portas ege bezonatan financan apogon. Sed je kosto. Ĝi estas ne nur administre kaj finance sendependa, sed ankaŭ morale. Ĝi neniel dividas kun HEA la spiriton de Esperanto aŭ internaciismo; regas krude komercaj aŭ kapricaj personaj kriterioj en la decido kaj pitoreskaj nocioj pri laborritmoj. HEA perdis influeblon super ĝi. Sekve ĝi traktas la mendojn de HEA kun aplomba indiferenteco.

Demokratio kaj libereco estas mirindaj kaj valoraj ecoj, bedaŭrinde ili ŝajnas inkluzivi la liberecon labori eĉ pli malkontentige ol antaŭe!

Kion mi faru ĉi-numere? Ĉu jam la aŭtunan kanton de Franz-Georg Rössler aperigi? Eble tro riske, pli sekure ni jam invitu Sankatan Nikolaon denove!

*Harŝiriĝante salutas,*



*via kalviĝanta redaktoro,*
*Stefan MacGill, 11 feb 1991.*


Juna amiko, revuo por lernejanoj kaj komencantoj. Eldonata de la Hungara Esperanto - Asocio kaj aŭspiciata de la Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (ILEI)

Aperas kvarfoje jare: februare, aprile, septembre, novembre.

Redaktoro: Stefan MacGill.

Adreso de la redakcio: pf. 193, H-1368 Budapest, Hungario.

Abonprezo en Hungario ĉe HELIR: 60 ft. (por eksterlandano 72 ft.) Internacie ĉe UEA: 10,00 gld. Perantoj en 30 landoj.

Anoncoj:
Kvaronpaĝo: 300ft enlande aŭ 30gld aŭ 3 jarabonoj en aliaj okcidentaj valutoj.
Duonpaĝo: 500ft aŭ 50 gld. aŭ 5 jarabonoj.
Tuta paĝo: 700ft. aŭ 70 gld. aŭ 7 jarabonoj.



Nemzetközi eszperantó diáklap. Megjelenik évente négyszer. Ára: 15 ft. 91/1 szám, XVIII évfolyam. Ára 1991: 15 ft. Kiadja a Magyar Eszperantó Szövetség, Szentháromság tér 6, H-1014 Budapest. Felelős kiadó: Princz Oszkár. Készült a MESZ Sokszorosítóban: hearota 91-000 Kiad. eng. szám: III/IFJ/30/1976; ISSN 0230-1318.

Terjeszti a Magyar Posta. Előfizethető bármely hirlapklézbesitö postahivatalnál, a hirlapkézbesitőknél, a Posta hirlapüzleteiben és Lapellátási Irodánál (HELIR), Budapest, XIII, Lehel u. 10/a, 1900 – közvetlenül vagy postautalványon, valamint átutalással a HELIR 215-96162 pénzforgalmi jelzöszámra.

# Hajkoj de sud-uralaj geknaboj

Hajko estas fama japana versformo, kiu provas bildigi scenon aŭ senton aŭ ideon tre koncize kaj bele; la informo kaj sono kaj nuanco de ĉiu silabo gravas. En la lastaj jaroj la hajko iĝis mondfama, kaj infanoj en lernejoj tra la mondo provas uzi la artformon. Jen la rezultoj de kelkaj junuloj, origine verkitaj en la rusa, kaj poste tradukitaj en Esperanton.

Galanto vekiĝis,
Tralaboris neĝkruston aŭdace,
Rektiĝis, laciĝinta.

Olga Averkova, 7a klaso.

Novjaro!
Sur branĉo en ĝoj' paru-njo
saltetas. Neĝadas.

Hundo katon ekvidis
En hela fenestro de iu domego
Frostas la hundo

Kostja Burov, 4a klaso.

Tago kurtiĝis.
Pli frue al ni okul-signi komencas
Urbaj lanternoj.

Vintre en nia korto
knaras la balancilo malnova...
Rapidu reveni, somero!

Lena Bavilskaja, 5a klaso.

Sin kaŝas eĉ fajro sub cindron,
Obtuze eĉ sonas gitaro.
Ĉio frostumas.

Vintre la steloj
Iĝas buletoj de l'frosto,
Tamen lumetas.

Fedja Petrov, 6a klaso

Vintra vojeto
Kuras de ni malproksimen.
Trovi la finon mi volus.

Lena Oĉakovskaja, 6a klaso

Printempa gutado
Estas ploro de l'vintro
Ne volanta foriri.

Ola Ĉeremiskina, 8a klaso

Akvo degela gutas de tegmento
Kaj serĉas malseka pasero
Varmon de l'suno.

Miŝa Ĉurasov, 8a klaso

La lunon, oran moneron
Ĉerpos mi el la puto somere —
Aĉetos ion.

Alla Ĵakuboviĉ, 3a klaso

Rapidas ŝuoj kaj sandaloj
Sur la asfalto freŝ-lavita
Per la printempa pluvo.

Igorj Neujmin, 5a klaso

Milo da steloj
Falas el la ĉielo somera.
Densas la povraj!
Kvardek neĝeroj
Dancas en vento malvarma...
Vintra dancado.

Kostja Rubinskij, 5a klaso

Venante tra l'arbar' somera
Rimarkas mi en verda arbustaro
Du makulitajn cervojn.

# Lulkanto

Ĉio dormi lasas sin,
dormu, dormu, etulin'.
Ĉio dormas en kviet',
dormu, dormu, etulet'.

Dormas arboj, dormas domoj,
dormas ĉiuj bonaj homoj.
Dormas bestoj en arbar',
dormas fiŝoj en blu-mar'

En mallumo sur ĉiel'
vagas luno-sentinel'.
Zorgas nokte ĝi senlace,
ke infanoj dormu pace.



*Nikolai Lozgaĉev.*




## GOGO, LA TESTUDO

Ekde nun ni prezentas en JA bildstrion de la fama Gogo, mirinda testudo naskita de Martin Weichert el Munkeno, kiu ornamas ofte la paĝojn de la GEJ-gazeto (Germana Esperanto-Junularo). Sed vi devos pacienci. Gogo mem aperos nur estonte, unue li sendas siajn amikojn distri vin.



# Bona ŝoforo, bona instruisto!

Ni vizitas urbon en suda Eŭropo. Mia amiko ne atendas min en la flughaveno, sed li sendis la fraton anstataŭe.

"Mi portos vin hejmen, mi havas aŭtomobilon, venu!"

"Bone, dankon," mi konsentis kaj sidiĝis en la aŭtomobilon – bela – dum mi estis serĉanta la seĝrimenon ni ekiris. Je cent kilometroj hore, kiun rapidecon ni atingis ene de proksimume tri sekundoj. Mi rimarkis, ke ĉi tiu frato estas tre entuziasma ŝoforo. Post kelkaj stratblokoj, mi rimarkis, ke 'freneza' estus pli taŭga adjektivo. Li ŝoforis tre tre rapide, tre agreseme, ŝanĝis trakojn, preterpasis aŭtomobilojn, kaj nun, ni venas je grandega rapideco al la unua ruĝa lumo, kaj ŝajnas, ke ni ne intencas ..haa...ahaa! Ho, ni trapasis, sed preskaŭ ni trafis buson kaj taksion. Ho, mi estis tre nervoza, kaj esperis, ke li ne faros tion denove, sed ĉe la venontaj ruĝaj lumoj, li faris precize la samon.

"Ĉu vi ne intencas halti ĉe tiu ruĝa lumo? De kie vi lernis ŝofori?"



"Ne timu, trankvilu." li diris: "Mia frato instruis al mi ŝofori, li scias, li estas ege bona ŝoforo, ege lerta, li instruis al mi ĉion, kion mi devas scii, trankvile, trankvile, mi montros kiom lerta mi estas. Rigardu – ruĝa lumo, mi scias kion fari!" Vrooommmm! Ni preterpasis, kaj du grandaj kamionoj kaj betonmiksiloj koliziis malantaŭ ni kaj ni apenaŭ eskapis el tiu katastrofo.

"Ho, terure, terure!" Mi tremis nun nervoze, kaj eksidiĝis suben, kie mi ne vidu mian postan sorton. Ni trairis plurajn ruĝajn lumojn kaj plenrapide.

"Vere, ĉu vi ne povus iri iom malpli rapide?"

"Ne timu, ne timu, mia frato estas bona instruisto. Mi scias perfekte, kion mi faras. Li estas bonega ŝoforo. Kaj mi lernis bonege de li. Ni estos hejme en neniu tempo."

"Ĉu ne, ni povu preni iom pli longan tempon kaj tamen alveni?"

"Ne, ne, estos en ordo," kaj Zzzjummmm tra plia ruĝa lumo, preskaŭ, preskaŭ denove havis akcidenton.

"Ho, kiom da ruĝaj lumoj, kiom da vojkruciĝoj ankoraŭ ĝis via domo?"

"Ho, nur unu, nur unu. En ordo, jen ĝi venas nun."

Ho, bonege, ĝi estas verda, se nur ĝi restos verda ĝis ni atingos ĝin, eble, eble ni vivos ĝis la fino de la tago. Ĝi restu verda ... ĝi restu verda, jes, ĝi restas verda! Ni proksimiĝas, sed en la lasta sekundo. Skrrrrhrhrhrhrhr! Li sur la bremson staras, kaj la aŭtomobilo absolute rapide haltas en la lasta momento ĉe la linio antaŭ la verda lumo.

"Kial vi haltas ĉe la verda lumo? Ĉu vi estas freneza?"

"Ho, necesas halti ĉe verdaj lumoj!"

"Kial?"

"Ĉar, ĝuste, eble povus esti tre danĝera situacio, se hazarde, mia frato estus venanta de la alia direkto!"

rerakontas: smg

## Demandoj

1. Kie okazis la rakonto? Kiu atendis en la flug-haveno?
2. Kial la rakontanto ĝojis esti renkontita? Ĉu li longe ĝojis?
3. Kio okazis ĉe la unua trafik-lumo? Kiu instruis al li ŝofori?
4. Kio okazis malantaŭ ili ĉe la dua trafik-lumo?
5. Kial la rakontanto iom post iom sidiĝis sube kaj tremis?
6. Kiun peton faras la tremanto? Ĉu la ŝoforo akceptas la peton?
7. Kiukolora estis la lasta lumo? Kio okazis tie?
8. Kiun klarigon donas la ŝoforo por sia konduto?

Ĉu vi kapablas ŝofori? Ĉu bone? Ĉu rapide? Ĉu sekure?

*Stratŝildoj:*

Klarigu la signifon de la sekvaj trafik-signoj:





*Rol-ludoj:*

Vi estas en aŭtomobilo kun amiko, kiu ŝoforas. Sed tiu malobeas ĉiujn el la supraj trafik-ŝildoj unu post unu. Avertu lin aŭ ŝin pri tio kaj petu, ke li ŝoforu pli zorge. Vi devos iĝi pli kaj pli nervoza dum la iro.

Nun vi estas policisto. Vi haltigas la aŭton kun la ŝoforo kaj la pasaĝero, ĉar la ŝoforo malobeis unu el la trafik-ŝildoj. Riproĉu la ŝoforon kaj pretigu monpunon. La ŝoforo kaj pasaĝero provu doni klarigon por ne devi pagi la punon.

Rigardu la desegnaĵon de la aŭto kaj nomu la partojn.



En kiu parto ni metas valizojn? En kiu parto troviĝas la motoro? Kion oni devas funkciigi kiam noktiĝas? Kion oni devas funkciigi, kiam ekpluvas? Kion oni devas fari, kiam estas longa vico de aŭtoj antaŭ oni? Kion oni foje faras? Kion oni devas fari por rapidigi la aŭton? Kaj por malrapidigi ĝin? Kion oni devas fari por silentigi infanon, kiu ĝenas la ŝoforon? Kion faras "malantaŭsidloka ŝoforo"? Kion oni faru pri tio? Kion oni devas fari, kiam oni proksimiĝas al trafik-lumo? Kion oni devas fari, kiam policisto proksimiĝas al oni? Kion oni devas fari, kiam aŭdeblas disfala bruo de la motoro? Kion oni devas fari, kiam la riparisto frotas siajn manojn, fajfas kaj skuas sian kapon post sia ekzameno de ĝi?

# Tri afrikaj popol-rakontoj pri ruzaj eskapoj

Unu el la plej ŝatataj rakonto-tipoj de la afrika folkloro estas eskap-rakonto. La ĉefa temo estas elturniĝo el danĝera situacio kaj venko kontraŭ ŝajne nesupereblaj malamikoj kaj obstakloj. La ĉef-rolanto kutime estas malgranda, malforta persono aŭ besto, kiu sukcesas elpensi ruzaĵon. En kelkaj rakontoj, potenculo devigas iun plenumi neeblan taskon. La eskaponto savas sin, metante egale neeblan kondiĉon, kiun la task-donanto mem devas plenumi, antaŭ ol la donita laboro povas komenciĝi.

Jen du ekzemploj de tiu ĉi speco de rakonto. La kruoj* el Sieraleono rakontas, ke kiam Nojomo ricevis de la reĝo la neeble plenumendan ordonon teksi maton el rizgrajnoj, li alfrontis la defian postulon, petante malnovan maton de la sama tipo por uzi kiel modelon. Bulua* rakonto el Kameruno temas pri Testudo, kies estonta bopatro devigas lin submetiĝi al provo, konsistanta el portado de akvo en korbo. Testudo unue petis de la bopatro korb-anson el fumo. En la sekva rakonto de la kaguroj* el Tanzanio, malgranda knabino ruze helpas sian fraton eskapi.

### La knabo, la knabino kaj la serpento

Antaŭ longe vivis viro, kaj tiu viro havis edzinon. Ili naskis du infanojn; unu estis knabo, la alia knabino. Poste la patro kaj patrino mortis, kaj tiam nur tiuj du infanoj restis.

En tiun landon, kie ili loĝis, venis granda malsato, kaj la laboro de la knabo estis nur ĉasado de bestoj de la arbaro kaj manĝado de la mielo de abeloj. Li ĉasis bestojn tiumaniere, ke poste ĉiuj bestoj en tiu lando ĉesis ekzisti.

Iun tagon la knabo ekiris por ĉasi, kaj dum siaj ĉirkaŭiroj li trovis numidon*, kiun li mortigis. Tiu numido, kiu mortis, havis serpenton kiel posedanton. Kiam la serpento trovis, ke ĝia numido mortis, ĝi alvokis la knabon, kiu mortigis la birdon. Kiam la knabo iris al la serpento, ĝi diris al li: "Ĉar vi mortigis mian numidon, nun mi englutos vin."

La knabo timis kaj tremetis. Apude estis iu birdo, kiu sidis surbranĉe en arbo, kaj ĝi vidis ĉion, kio okazis tie. Tiu birdo iris al la hejmo de la du infanoj kaj diris ĉion al la fratino. Do, la fratino kuris tien, kie estis la serpento, kaj ŝi diris al ĝi: "Se vi englutos mian fraton, englutu ankaŭ min."

La serpento diris al la knabino, ke ŝi reiru hejmen. La knabino rifuzis kaj diris al la serpento: "Mi timas kaj ne povas iri hejmen."

Pro tio, la serpento eniris sian domon kaj poste revenis kun iu malgranda felo, en kiu estis envolvita drogo. Ĝi donis ĝin al la infano kaj instrukciis al ŝi jene: "Se vi trovas iun personon, kiu volas fari malbonon al vi, montru al li per tiu ĉi felo kaj diru: 'Ĝui, ĝui!' – tiam tiu persono mortos."

La knabino akceptis la felon kun la drogo. Sed ŝi tuj direktis ĝin al la serpento mem kaj diris: "Ĝui, ĝui." La serpento tuj mortis. Poste la infano prenis sian fraton kaj ili ambaŭ eskapis kaj iris hejmen.

Vort-klarigoj
kruo: nomo de indiĝena tribo el Okcidentafriko
buluo: nomo de indiĝena tribo el Okcidentafriko
kaguro: nomo de indiĝena tribo el Orientafriko
numido: korta birdo simila al koko, kun grize punktita plumaro kaj delikata viando.

*Bernard Golden, Hungario*

## Miaj plej belaj ferioj

Jam dum tri jaroj mi lernis Esperanton en klubo en Znojmo. Ni lernas du horojn semajne. Nun ni korespondas kun gelernantoj el Hungario, Francio kaj Pollando. En aŭgusto niaj kursanoj partoprenis Internacian Esperantan Feriadon en Hungario. Ni loĝis en student-hejmo en Kispest kun infanoj el Jugoslavio, Hungario, Pollando kaj Rumanio. Dum nia restado vizitis nin ankaŭ esperantistoj el Japanio.

La programo estis tre interesa kaj riĉa. Antaŭtagmeze ni lernis, ludis kaj kantis kantojn en Esperanto. En nia grupo estis ankaŭ infanoj el Hungario kaj Pollando. Instruis nin instruistoj el Hungario, Pollando kaj Ĉeĥoslovakio. Ni kunportis harmonikon kaj ni povis instrui ĉeĥajn kaj slovakajn popol-kantojn al la aliaj infanoj.

Posttagmeze ni banis nin, ni ekskursis al pitoreska urbeto Szentendre, 20 km norde de Budapeŝto, kie ni trarigardis skanzenon — subĉielan muzeon — kun malnovaj domoj. En Budapeŝto ni trarigardis la Reĝan Palacon, Nacian Muzeon, Agrokulturan Muzeon kaj aliajn historiajn kaj kulturajn memoraĵojn. Ankaŭ ni veturis per ŝipo sur la rivero Danubo al la Insulo Margit, kie ni banis nin en termala banejo.

En Hungario ni bone komprenis ĉiujn, ĉar ni parolis per la internacia lingvo Esperanto. Per konversacio ni tre pliboniĝis en la lingvo. Ni trovis ankaŭ novajn korespondantojn kaj geamikojn. Ni invitis ilin al la Somera Esperanto-Tendaro en Lanĉov, kiu troviĝas proksime de nia urbo Znojmo. Vere tre malfacile ni ĉiuj adiaŭis kun la feriado en Hungario. Jam hodiaŭ ni ĝojas je la estonta. Vere estis por mi la plej belaj ferioj. Mi kaj la aliaj infanoj senĉese rememoros ilin. Mi povas al aliaj infanoj rekomendi ellerni la internacian lingvon, ĉar ĝi helpas interkompreniĝi kun homoj el diversaj nacioj. Mi devas diligente lerni, ĉar mi volus partopreni la Universalan Kongreson en Prago en 1992. Tie mi eble renkontiĝos kun miaj korespondantoj.

*Katerina Buchalova, Znojmo, Ĉeĥoslovakio.*

# Arboj kreskis, arboj kreskos

"Bonan matenon, najbara arbo. Kiel vi fartas hodiaŭ?"

"Aĥ, malbone, malbone. La tutan nokton mi ne povis dormi. Mi sentas min tiom malforta. Tricent jarojn mi nun havas kaj ĝis antaŭ kelkaj jaroj mi estis sana kaj forta. Homoj somere sidis en mia ombro, kantis kaj piknikis. Infanoj kuris ĉirkaŭ mia trunko, gaje ludis. Nokte venis kapreoloj kaj leporoj el la arbaro por manĝi herbon. Dum pluvo mia densa foliaro protektis ilin.

Jam aŭtune la sciuroj kolektis nuksojn kaj fruktojn, kaŝis ilin sub miaj radikoj por ke vintre ĝi povu veni, elfosi kaj manĝi ilin. Multaj birdoj nestis inter miaj branĉoj. De printempo ĝis aŭtuno estis vigla vivo tien kaj reen. Unue ili alportis materialon por konstrui nestojn, poste ili aŭre serĉis manĝaĵojn por la junaj birdetoj. Ĉiumatene grandioza birda koncerto vekis min. Mi estis fiera, feliĉa, forta, alta kaj bela arbo. La freŝa vento trablovis miajn foliojn. Ofte milda pluvo falis de sur la ĉielo. Tiam estis ĝojige por mi nutri kaj refreŝigi miajn trunkojn, branĉojn kaj foliaron. Kia bela tempo estis tiam!

Sed nun? Nun mi estas malsana, eĉ ege malsana. Ne pro mia aĝo. Mi ja havas nur 300 jarojn, mi ankoraŭ estas juna. Mi povus atingi 600 aŭ eble eĉ mil jarojn. Estas la homoj, kiuj kulpas pri mia malsano. Ili malpurigas la aeron kaj la akvon per venenaj kemiaĵoj. La acida pluvo mortigas ĉiam pli el miaj folioj, mi fariĝas ĉiam pli malforta. Lastan printempon mi eĉ ne plu sukcesis produkti la duonon de la foli-kvanto de antaŭaj jaroj. En ĉi tiu jaro al mi mankas entute la forto. Malbele mi nun aspektas. Pro mia malsano venas multaj bestetoj, kiuj damaĝas min. Raŭpoj kaj skaraboj traboras mian ŝelon, nutras sin de mia interno. Ili multobliĝas forte kaj eniras min ĉiam pli profunden. Jam pegoj venis, hakis grandajn truojn en mian trunkon. La aliaj birdoj ne plu nestas en mi pro manko de folioj, ŝirmanta ilin. De tago al tago mi sentas min pli malforta. En mia najbareco jam multaj arboj mortis. Poste la homoj venis kaj faligis ilin. Verŝajne baldaŭ ankaŭ mi devas morti. La homoj venos kaj dissegos mian trunkon.



Ho, ke ili pli bone atentu la aeron kaj la akvon! Ambaŭ ja estas la plej gravaj elementoj por ĉiu viva estaĵo, ĉu planto, besto aŭ homo. De la unua ĝis la lasta momento en la vivo ni urĝe bezonas la aeron kaj la akvon. De ili dependas grandaparte nia sano. Ke la homoj nur baldaŭ komprenu tion!"

"Estu trankvila, najbara arbo. Jam multaj infanoj komprenas, ke necesas vivi kun, kaj ne kontraŭ la naturo. Ili volas, ke ankaŭ estonte arboj kresku. Mi esperas, ke la arbidoj ĉirkaŭ vi ne plu devos suferi kaj fariĝos fortaj kaj sanaj!"

*Rita Rössler, Germanio.*

VORTKLARIGOJ
nutri: manĝigi
kulpi: respondeci pri io malbona
skarabo: ses-pieda besteto
ŝelo: ekstera haŭto, ekz. de arbo
pego: birdo, kiu beke atakas arbojn

# Kuraĝulo

Kuraĝulo en nigro
Rajdas sur bon-alzano,
Viglege kiel tigro,
Kun glavo en la mano.

La rajdanto nomiĝas Justo,
La ĉevalo nomiĝas Vento.
Li batalas brave por justo,
Ĝi galopas ja kiel vento.

La glavo nevenkebla
Tiranecon faligas,
La galop' nebarebla
Malvirtulojn timigas.

La kuraĝul' migras sub lazuro
Surĉevale kaj kunglave,
Por publiko, malgraŭ aventuro,
Batalas, batalas brave.

*Feng Da-Qing, Ĉinio.*

VORT-KLARIGOJ
alzano: beja ĉevalo
lazuro: blua ĉielo

# Sesdek naŭ!

Sur la venontaj du paĝoj ni proponas novan tabul-ludon; last-foje ni faris tion antaŭ tri jaroj. Infanoj povos ludi per la malfermita gazeto, sed pli bone ili kopiu la tabulon sur pli grandan kartonpecon. Kompreneble neniu malhelpas ilin krei propran ludon, kun propraj instrukcioj, kaj kun multe pli ol 69 kvadratoj.

## Bezonataj

Unu talono por ĉiu ludanto, unu ĵet-kubo kaj unu premio.

## Lud-reguloj

Ĉiu ludanto ĵetu la kubon. Kiu ĵetas la plej altan valoron ekludas. La lud-direkto estas al la dekstro. Oni ĵetas la kubon kaj pluiras tiom da spacoj, kiom ĝi indikas. Post ĵeto de ses, oni ne rajtas je plia ĵeto, kiel en kelkaj ludoj. Se oni atingas kvadraton kun instrukcio, oni devas obei tiun instrukcion. Se tio sendas vin al kvadrato kun plia instrukcio, vi devas obei ankaŭ tiun.

Se estas demando, vi devas respondi ĝin korekte. Se la instrukcio estas 'pluiru' kaj vi malĝuste respondas, vi ne rajtas pluiri. Se vi pluiras al malĝusta kvadrato, vi devas reiri al la kvadrato de kie vi ĵus venis. Se la instrukcio estas 'reiru' kaj vi malĝuste respondas aŭ movas, reiru ankoraŭ ses lokojn pli ol la ĝusta respondo-loko! La aliaj ludantoj kontrolu, ĉu oni bone respondis aŭ movis. Pli ol unu talono rajtas okupi unu kvadraton.

La unua ludanto, kiu atingas aŭ pasas la kvadraton sesdek naŭ estas la gajnanto kaj ricevas la premion.

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| 31<br>Kiutage de la monato estas? Reiru al tiu spaco. | 32<br>Laoso | 33<br>Reiru al la inteligenta mar-besto. | Ĵetu la kubon! | Se 1 – iru al 11<br>Se 2 aŭ 6 – iru al 26<br>Se 3 aŭ 5 – iru al 35<br>Se 4 – iru al 44<br>Se 5 – iru al 55 |
| 30<br>Libio | 29<br>Libano | 28<br>Liberio | 27<br>Pluiru al la planedo kun ringo. | 26<br>banta |
| 21<br>Pluiru al la partnero de 'grupa'. | 22<br>Kioma IJK okazos ĉi-jare? Se vi scias, pluiru al tiu spaco. | 23<br>delfeno | 24<br>banda | 25<br>bunta |
| 20<br>ĝirafo | 19<br>Pluiru al la nord-Afrika ŝtato. | 18<br>Pluiru al la partnero de 'noda'. | 17<br>karoto | 16<br>Moldavo |
| 11<br>Bajkal | 12<br>Kioma monato estas? Reiru al tiu spaco. | 13<br>Marso | 14<br>Pluiru al la partnero de 'mult-kolora'. | 15<br>Pluiru al la okcident-Afrika ŝtato. |
| 10<br>Reiru al la flava longa frukto. | 9<br>Pluiru al la ŝtato en la Mez-Oriento. | 8<br>Pluiru al la rivero, kiu inspiris muzikaĵon. | 7<br>Kiu tago estas? Reiru al tiu spaco. (Lundo = 1) | 6<br>Pluiru al la tre granda lago. |
| 1<br>KOMENCO | 2<br>Pluiru al la oranĝa legomo. | 3<br>Pluiru dek spacojn. Kion vi atingas? | 4<br>Pluiru al la besto kun longa kolo. | 5<br>banano |

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| 65 Urugvajo | 66 Reiru al la plej granda planedo. | 67 Reiru al 'mal-diligenta, mal-laborema.' | 68 Reiru al la 'komenco' (ne kvadrato 1!) | FINO |
| 64 uragano | 63 organo | 62 orgeno | 61 origano | 60 origino |
| 55 origamo | 56 Pluiru al la Sud-Amerika ŝtato. | 57 Falu al la suba kvadrato. | 58 Reiru al la japana flor-aranĝado. | 59 Pluiru al la granda ŝtormo. |
| 54 Pluiru al la spico. | 53 Pluiru al la granda muzikilo | 52 Grimpu al la supra kvadrato. | 51 Pluiru al la japana paper-faldado. | 50 Pluto |
| 45 Jupitero | 46 Reiru al la Azia ŝtato. | 47 bano | 48 sorobano | 49 ikebano |
| 44 Merkuro | 43 Pluiru al la japana kalkulilo. | 42 Pluiru al la plej fora planedo. | 41 Pluiru al la lavujo. | 40 Pluiru al la interna korpo-parto |
| 35 pigra | 36 Pluiru al la japana flor-aranĝado. | 37 Kiom da ŝtatoj konsistigas Usonon? Se vi scias, pluiru al tiu spaco. | 38 Pluiru al la plej malgranda planedo. | 39. Saturno |




# PRINTEMPA KAJ SOMERA ELEKTO POR JUNULOJ

Ĉiujare okazas cento da aranĝoj speciale por junaj esperantistoj. La plej grandaj okazas en la somero, kiam belas la vetero kaj ni havas longajn feriojn. Kelkaj estas unufojaj, aliaj tradiciaj aranĝoj.

Eble la plej tradicia estas la IJK: la Internacia Junulara Kongreso de TEJO. Tiu organizo estis fondita en 1938 kaj nun estas la junulara sekcio de UEA. Ĝi jam organizis 46 kongresojn, la plej granda en Krakovo, Pollando, en 1987. La 47a IJK okazos en Karlskoga, bela apudlaga urbo en sud-centra Svedio. La temo de la IJK estos "Mondaj movadoj" kaj eblos diskuti pri sportaj, porpacaj, naturamikaj kaj kulturaj movadoj. Estos krome riĉa distra programo kun nacia tago, en kiu oni povos lerni pri svedaj kutimoj, internacia vespero, teatraĵo kaj publika koncerto de rokmuziko en urba diskoteko.

La kongresejo estas tre bone ekipita popol-altlernejo, kun dulitaj dormĉambroj, komuna memserva restoracio, biblioteko, gimnastikejo, sport-terenoj kaj tuj apude la bela sveda naturo – arbaroj, kampoj kaj lago. La IJK okazos de la 20a ĝis la 26a de julio. Oni povas elekti el kvar kategorioj de loĝado: propra tendo, komuna tendo, komuna klasĉambro kaj dupersonaj litĉambroj. La kotizo varias de 600 ĝis 2700 svedaj kronoj, depende de kategorio kaj aĝo. Petu informojn kaj aliĝilojn de: 47a IJK, Box 4278, S-102 66 Stokholm, Svedio.

Pluraj junuloj pluiros al Bergeno en Norvegio, kie okazos la Universala Kongreso de UEA tuj poste (kune kun Infana Kongreseto). La instruistoj havas sian ILEI-konferencon en Voss, urbeto 100km for de Bergen, de la 3a ĝis la 8a de aŭgusto.

Junuloj, kiuj ne pluiros al la UK, eble reirante hejmen, povus halti en Svislando, kie okazos naŭ-taga internacia tendaro en Uetliberg, loko atingebla de Zuriko per montara fervojo sed ne alirebla aŭte. La tendaro estos ne nur esperantista aranĝo, sed la loka E-ista Junularo ludas gravan rolon en la organiza komitato, kune kun ekz. Amnestio Internacia, Verda Paco, Bahaanoj, Junularo por Unuiĝinta Mondo ktp. La tendaro estos dulingva – germana kaj esperanta. Ili esperas, ke e-istaj muzik-ensembloj, pop-grupoj, teatraj trupoj kaj artistoj venos kaj prezentos sian arton, samtempe diskonigante la lingvon.

E-kursoj okazos paralele. Ili atendas ĉ. 1500 partoprenantojn el la tuta mondo, kun prelegoj, budoj, ekspozicioj, laborrondoj, muziko kaj kulturaj eventoj. La festivalo (kies plena titolo estas: Kampado 91 por Mondpaco, Medikonservado, Malarmigo per regione aŭtonoma Monddemokratio) ne estas esence komerca afero, do la partopren-kostoj restos minimumaj, same la kompensoj al artistoj. Kiu volas peti aliĝilon aŭ proponi kunlaboron (artistoj, tradukistoj) skribu al: Junularo Esperantista Svisa, Sekretariejo Kampado 91, Postfach 639, CH-8201 Schaffhausen.

Parte samtempe (1-7 aŭg), en norda Hungario okazos la jam tradicia Internacia Junulara Semajno (IJS) en Esztergom, fama kaj bela urbo 60km. nordokcidente de Budapeŝto. La programo estos ege varia, la kostoj de 170-290 gld. (4600-9800 ft.) Informojn k. aliĝilojn donas Lingvo-studio, pf. 87, H-1675 Budapest, Hungario.

Jen abunda averto por plani viajn somerajn feriojn! Sed ni finu per unu pli baldaŭa propono. SAT-amikaro (tio estas la sennaciuloj en Francio) organizos kongreson en Ambuazo dum pasko de la 30a de marto ĝis la 2a de aprilo. La ĉeftemo estas la protektado de riveroj kaj akvoj – la kongresurbo troviĝas apud la franca rivero Luaro (Loire). La nederlanda kantgrupo 'Kajto' prezentos koncerton tie, kaj la franca junulfako prezentos kabared-teatran vesperon. Plia novaĵo estas aparta programo kun vartado por infanoj. Ili antaŭvidu pupteatron, kantadon, ŝminkadon, aktoradon, ombroteatron, ludojn, dancadon, manlaborojn, kuiradon, legadon kaj ekskursadon (i.a. per poneoj!). Informojn petu de Marko Noulin, Les Monts, F-41360 Lunay, Francio.

Internacia konkurso de infan-desegnaĵoj

**ILUSTRU NI KUNE**

Jen konkurso por infanoj ĝis 15-jaraj; necesas plenumi desegnaĵon por la libro 'Kumeuaua, filo de la ĝangalo' de Tibor Sekelj, kiun la konkurso omaĝas. Formaton kaj teĥnikon libera. Limdato estas la 31a de aŭgusto 1991. Sendu al: Esperanto, internacia konkurso, Trg Slobode 1, YU-24000 Subotica, Jugoslavio. Premioj 150, 100 kaj 50 dolaroj (aŭ egalvaloro en la nacia valuto de la gajninto) kaj diplomo. Literatura konkurso ankaŭ! Pliaj detaloj sekvos en nia venonta numero.

# La traŭmo de Tuzla

Tuzla sidas sur la mato
Urbo-konstruado ŝia cel'
En luda distro kaj kun ŝato,
Stariĝas metropol' per et-model'.
Dum ludado – incidento,
Pro eksperimento buŝa.
Je gustigo – akcidento,
Lango-movo tute fuŝa.
Jen! Lud-dometon ŝi englutis,
Subita piko de paniko
Singultis, ternis, ion eksputis,
Saliva mikso sur maniko.

Sed persiste enas domo,
Ĉu necesos ago drasta?
Ĉu eligo nur per vomo?
Espereble nur en kazo lasta!
Dolor' stomaka tre intensa
Pulsas plus la pens' timiga
Horor-imaga, ĝen' enmensa
Pri vizito ĝis-klinika.
Nur noci' de kuracist-esplor'
Per iloj, aĵoj, eble tubo
Naskas novan ondon da ekplor'
De la kompatinda bubo.

Damna domo eĉ aĉ-gusta!
Plonĝas ŝin en puton de l'infer'
En mond' minaca kaj maljusta
Kial trafas nin sufer'?
Ĉu puna pen' sent-ĝena
de eterna fiksa Dio?
Nur ekzamen' rentgena
Per interna iks-radio
Pruvos klare la rezulton
Determinos sort' infanan,
Garantios la resalton
En feliĉon kaj bonsanon.

Sed, ve, eĉ post ripar' fizika,
Restas la cikatro psika;
Tra la tuta viv' kritika,
Kun efiko ja tro pika.
Ŝian evoluon barieros
Tiu traŭma glut-difekto
– Ne plu Tuzla karieros
Kiel mondo-fama arĥitekto!

*Stefan MacGill*






Ĉar alternaj linioj rimiĝas, taŭgas uzi ĝin en klaso por du-parta deklamo. Unue provu kun du voĉoj – unu alta, unu malalta – sed poste provu grupan deklamadon, eble kun agoj. Se la knaboj legos la malparajn liniojn kaj la knabinoj la parajn oni povas atingi interesan kontrastan efekton.

Tuzla kaj la lud-dometo figuras en nova lernolibro: "Tendaraj tagoj", kies unua kajero estas nun en fin-preparo. Detaloj sekvos.

La poemon oni povas uzi kiel enkondukon al diskuto pri akcidentoj, suferoj, kaj kiel eviti, toleri ilin respektive.

# Mi iras veki mian feliĉon

Iam ekzistis persono tre malriĉa. Dum sonĝo li vidis viron dirantan al li: "Via feliĉo dormas sur la supro de monto. Vi devas iri kaj veki lin."

La malriculo ekvojaĝis. Survoje li vidis leonon. La leono demandis: "Kien vi iras?" La malriĉulo respondis: "Mi iras al la supro de la monto por veki mian feliĉon.

La leono petis: "Kiam via feliĉo estos vekita, bonvolu demandi lin pri la kuraco de mia malforteco."

La malriĉulo promesis fari tion kaj daŭrigis sian vojaĝon.



Post kelkaj paŝoj li vidis maljunulon sidantan apud rivereto kaj pripensantan. La malriĉulo proksimiĝis al li, salutis kaj demandis pri lia farto. La maljunulo respondis:

"Mia farto estas evidenta de tiu ĉi malbona kaj sen-frukta ĝardeno."

La malriĉulo promesis demandi sian feliĉon kial la ĝardeno ne estas bona kaj frukto-dona. Poste li pluiris al la monto. Li iris kaj iris ĝis li alvenis al urbo. Ĉar li estis fremda, oni arestis lin kaj venigis lin ĉe la reĝo, kiu estis tre bela.

La reĝo demandis: "Kiu estas vi, de kie vi venis kaj kien vi iras?"

La malriĉulo responde rakontis ĉion. La reĝo ordonis: "Vi devas promesi al mi, ke post la vekiĝo de via feliĉo, vi demandu lin pri la kialo de mia malĝojo." La malriĉulo promesis kaj redaŭrigis sian vojon. Fine li atingis la supron de la monto kaj tie vidis kavernon. De la kaverno li aŭdis ronkon. Li eniris en la kavernon kaj vidis dormantan homon. Vekante la homon li demandis: "Ĉu vi vidis mian feliĉon?"

La homo respondis: "Mi estas via feliĉo. Kion vi deziras?"

— "Mi volas ne esti malriĉa."

— "Vi ne estos malriĉa plu ĉar mi jam vekiĝis."

Poste la malriĉulo rakontis pri la demandoj de la leono, maljunulo kaj reĝo, kaj ricevis la respondojn. Fine li adiaŭis kaj revenis hejmen.

Survoje li iris ĉe la reĝo kaj diris: "Mia feliĉo diris, ke tiu reĝo estas bela virino kiu vestis sin kiel viroj. Ŝi devas edziniĝi por ne plu esti malgaja."

daŭrigo sur p. 20.

# Ĝeneralaj scioj!

Kiom ĝeneralaj estas viaj scioj? Tion vi povos ekscii per test-libreto, kiu ĵus aperis en la ses-lingva serio *Look sharp,* eldonata de renoma ne-movada lingvo-lernejo en Budapeŝto: International Language School (ne la lingvo estas internacia, sed la lernejo!) Ĝi eĉ ne instruas Esperanton, sed konsentis prove eldoni unu libreton tiulingve. Jam aperis ĉ. 40 libretoj en la serio.

Dudek testoj kiel la apuda prezentas entute 304 demandojn pri ĉio ajn: geografio, muziko, astronomio, filmoj, historio, scienco, kune kun demandoj pri la Esperanta leksiko, movado, historio kaj literaturo. Vi povos testi viajn amikojn kaj kontroli kiom inteligentaj kaj scio-havaj ili estas!

La libreton stokas UEA, kie la prezo estas 6,60 gld, kun sesona rabato por mendo de tri aŭ pli. Ankaŭ aliaj libroservoj stokos ĝin, esperebIe tiu de HEA ankaŭ. En Budapeŝto ILS havas librobutikon ĉe strato Bajcsy-Zsilinszky 62, (H-1363 Budapest.) La libreto kostas 50 forintojn. Samadrese je la tria etaĝo estas stud-centro, kie eblas provi la testojn per komputiletoj. La serio *Look sharp* estas prezentata en la hungara Teleteksto. Se iu povas tion spekti, bv. kontroli sub ILS, ĉu ankaŭ ĉi tiu Esperanta teksto estas proponata. Se la test-libreto vendiĝos adekvate, ILS pretas eldoni pli en Esperanto estonte.

*smg 6 feb 91*

8. Kiel oni nomas kato-bebon?
   - A: Katido.
   - B: Kataĉo.
   - C: Kateto.
   - D: Kataro.

9. Kiel finiĝas la proverbo: 'Li havas klapon en la ...'?
   - A: ĉapo.
   - B: ĉapelo.
   - C: kapo.
   - D: frapo.

10. En kiu urbo naskiĝis Ŝekspiro?
    - A: Stratford-upon-Avon.
    - B: Hastings.
    - C: Londono.
    - D: Stafford.

11. Kiu estas la plej alta monto en la mondo?
    - A: Mount Everest.
    - B: Mont Blanc.
    - C: Kilimanĝaro.
    - D: Lhotse.

12. En kiu jaro aperis la Unua Libro de Esperanto?
    - A: 1867.
    - B: 1877.
    - C: 1887.
    - D: 1897.

13. Kiu estas la nomo de la amikino de Popeye la Maristo?
    - A: Daisy.
    - B: Olive Oyl.
    - C: Minnie.
    - D: Miss Piggy.

14. Per kio oni pafas sagojn?
    - A: Kanono.
    - B: Pafarko.
    - C: Revolvero.
    - D: Katapulto.

15. Kiu eŭropa lando havas tri oficialajn kaj kvar naciajn lingvojn?
    - A: Svislando.
    - B: Hispanio.
    - C: Svedio.
    - D: Belgio.

16. 'Bemolo' estas .......... termino.
    - A: muzika
    - B: arkitektura
    - C: skulptista
    - D: kuirarta

17. En kiu lando troviĝas la fama batal-loko Waterloo?
    - A: Britio.
    - B: Belgio.
    - C: Francio.
    - D: Nederlando.

# Klubo de legantoj

## Malgranda montara reĝo-lando

Inter du grandaj reĝo-landoj, okcidente kaj oriente, situas en altaj montoj eta reĝo-lando. Ĝi havis formon de ortangulo, larĝa je 35 km, de nordo al sudo je eble 50 km. La tuta lando estas montara kun meza alteco de 500 m. Ĉar la najbaraj grandaj landoj estis malaltaj, la montara landeto restis memstara; estis malfacile atingi ĝin, precipe ĝian ĉefurbon, kiu situas meze de la lando je alteco de 800 metroj.

Sed en la pasinta jarcento regis tie saĝaj reĝoj, kiuj subtenis la trafikon kaj la komercon, ĉar nur tiel la lando povis ekzisti. La landeto estis amika al ambaŭ grandaj najbaroj, kiuj tamen malamikis unu kun la alia. Ili do uzis la landeton por interkomerci, ĉar ili ne volis fari tion rekte. Oni frue konstruis ŝoseojn kaj eĉ fervojojn tra la montoj okcidenten kaj orienten. La ĉefurba stacidomo troviĝas apud la reĝa palaco. Jam frue en la nuna jarcento la reĝo ordonis elektrizi la linion, generante la elektron per rapid-fluaj riveroj. Plue li poste konstruigis duan nord-sudan linion, do la montara ĉefurbo fariĝis grava fervoja kruc-punkto. Li krome konstruigis kelkajn etŝpurajn liniojn en la montojn por ligi eĉ etajn vilaĝojn unu al la alia.

*Ĉu vi kapablas desegni mapon laŭ tiuj informoj?* Vi devos decidi nomon por la reĝo, la reĝlando, la ĉefurbo, la aliaj urboj, la vilaĝoj kaj la du grandaj najbaraj landoj. En via mapo indiku, kiuj fervjoj-linioj estas elektrizitaj, kiuj normalŝpuraj sed ne elektrizitaj, kaj kiuj etŝpuraj. Indiku ŝoseojn, riverojn, lagojn kaj montojn – kelkaj el ili certe havos nomojn. Sendu viajn kolorplenajn mapojn al la rubrik-gvidanto, kaj notu la novan stratnomon: Josef Chvosta, Dr. Horákové 16/268, CS-290 01 Podebrady, Ĉeĥoslovakio.

La reĝo konfesis: "Neniu sciis tiun sekreton ĝis nun. Estos bone se vi fariĝos mia edzo kaj poste la reĝo."

La malriĉulo respondis: "Mi neniam tion faros. Mia feliĉo estas jam vekita, do mi feliĉiĝos eĉ pli ol reĝo."

La reĝo diris: "Do vi devas ne priparoli pri tiu sekreto kaj tuj eliri el mia urbo." La malriĉulo promesis kaj eliris.

Poste li renkontis la maljunulon kaj diris: "Vi devas plugi la teron por akiri bonajn kaj multajn fruktojn. Ankaŭ grand-valoraj trezoroj ekzistas sub la tero de via ĝardeno."

La maljunulo proponis: "Mi estas tre maljuna kaj malforta. Restu ĉe mi kaj helpu min. Ni dividos ĉion, kion ni trovos."

La malriĉulo respondis: "Ne. Mia feliĉo jam vekiĝis kaj mi ne bezonas viajn trezorojn." kaj daŭrigis sian revenon.

Refoje li vidis la leonon kaj post la rakontado de ĉiuj okazintaĵoj li diris: "La kuraco de via malforteco estas manĝi la cerbon de malsaĝulo." La leono iomete pensis pri la afero kaj diris - "Mi neniam trovos homon tiom malsaĝan kiom vi."

Post tio la leono eksaltis kaj englutis la malriĉulon.

*El "Persaj Proverboj"*
*tradukis Keyhan SAYADPOUR*

## Perantaj novaĵoj

Niaj perantoj jam bone laboras por 1991 spite la mankon de la afiŝo kaj listo de perantoj. Kelkaj landoj eĉ jam nun superis sian pasintjaran sumon! Ni pardonpetas pro prezaltiĝoj anoncitaj iom malfrue. Se vi jam pagis iun sumon al peranto kaj poste legis pli altan, ne ĝeniĝu – se pagita, akceptita!

**Ĉeĥoslovakio:** Ĉeĥa Esperanto-Asocio, Jilska 10, CS-110 01 Praha iĝas peranto aldone al SEA. 40 kronoj.

**Jugoslavio:** Aldone al nia peranto, Tereza Kapista, akceptas abonojn Zagreba Esperanto-Ligo, Amruŝeva 5/1, YU-41000 Zagreb. Ekde nun 20 dinaroj ambaŭloke.

**Norvegio:** pardonu, ni sukcesis fari du erarojn en nia listo. La ĝusta adreso estas: Olaf *Schous vei 18, N-0572 Oslo 5.*

**Pollando:** Retiriĝas nia perantino Halina Ejsmont, al kiu ni dankas pro la bona laboro tra la jaroj. Ekfunkcias s-ro Aleksandro Kaminski, Lanowa 20a, m.87, bl.41, PL-91-103 Lodz. Paralele funkcias Kastora Klubo en Varsovio kaj Bialistoka Centro (J. Parzyszek). Post informiĝo pri la sorto de la zloto ni devas fiksi la kotizon ekde nun je 10.000 zl.

**Sovet-unio:** En Estonio turnu vin al Johannes Palu, Solme 21, SU-200016 Tallinn. En Ukrainio al Centro 'Esperanto', P.O. Kesto 539/1, SU-252200 Kiev. SEU konsentis peri mendojn por ceteraj lokoj, sed ni volas ekspedi pakaĵe al lokaj kluboj aŭ regionaj asocioj, nur escepte al unuopuloj. Grupoj kontaktu SEU, ul. Volĥonka 13, SU-121019 Moskvo. 7 rubloj.

Ne estas ŝanĝoj en aliaj tarifoj: ni provos nenion plu ŝanĝi por 1991! Ni anoncos la tarifojn por 1992 jam en numero 91/3, provante anticipi kaj superi presejajn malagrablaĵojn.

**Perantoj:** Pagante al UEA, bv. indiki la internan kodon juna-l kaj ne plu heaa-l. Notu la novajn kostojn por internacia poŝta ĝirado (vidu Esperanto, jan 91) kaj evitu transpagi etajn sumojn. Ni jam suferis sovaĝajn subtrahojn!

# Juna amiko prezentiĝas angle

Junaj lernantoj de la angla en Hungario kaj eble alilande povos ekscii pri Juna amiko kaj Esperanto. Aperis la titolo "Tracking down the hero." (Spurante la heroon) verkita de la JA-redaktoro por plurlingva serio de libretoj eldonata de fakte esperantista eldonejo Tramontana.

Pluraj rakontoj el la lastaj jaroj aperas: la valizoj el 88/2; la remboatoj; ĉu la informo sufiĉis? ambaŭ el 86/3; en la teatro el 87/1; en la dezerto el 87/2; krome el numero 90/2 tri etaj eroj de aliaj aŭtoroj, por emfazi la internaciecon de Esperanto: 'Laŭ la regularo' de Evaristo Garcia (Ameriko), 'Kial personoj mortas' de Charles D. Ezebingaya (Afriko) kaj 'Ho, kion mi vidis' de Blazio Waha. Tiu poemo aperis paralele angle kaj Esperante, por ke legantoj vidu la aspekton kaj eblojn de la lingvo.

La ĉefrakonto de la libro estas adapto-traduko de 'La heroo' el la libro "La laŭta vekhorloĝo". Ĉiuj kun la allogaj desegnaĵoj de nia Pavel Rak, kaj la kutimaj demandoj kaj ekzercoj.

Enkonduke estas klare skribite, ke la enhavo estas tradukita el Esperanto, krome ene estas Lingva Kvizo, bazita sur iomete el la materialo de 'La lerneja projekto', kio inter multo alia, konatigas la esencajn faktojn pri Esperanto.

La tuton kompletigas du fakaj artikoloj pri fervojoj, unu pri ilia historio, la dua pri Ŝinkansen — la japana kuglo-trajno, aldone al kiuj estas plenkolora afiŝo de majesta indonezia vaporlokomotivo. En tiu kuŝas la angla vortludeto en la titolo "Tracking down the hero" kiun oni povas klarigi "Spurante/Ŝpurante la heroon".

Kiam heliĝos la financaj perspektivoj povos aperi Esperantlingva lernilo en la sama serio. Jam dua angla libro por la serio estas verkita. La unua aperis en 14.000 ekz. el kiuj restas ĉ. la triono.

Ĝi unuavice celas junulojn 11- ĝis 16-jaraj lernanta la anglan kiel fremdan lingvon. Kiu interesiĝas akiri ĝin, aŭ peri ĝin kiel informilon pri Esperanto, bv. skribi al Tramontana gmk, Julia u. 2/a, 1 fszt., H-1026 Budapest.

*Tracking down the hero*, Stefan MacGill. Budapeŝto: Tramontana 1990, 56p., 19,5cm. Ilus kun kolorafiŝo. Prezo en Hungario: 69 ft.



# Deziras korespondi

## Brazilo

Igor Franco R. Moreira Maia, Rua Jose Francisco 61, B. Praia Grande, BR-28910 Arraial do Cabo (RJ). 15-jara studanto. Tutmonde.

Neide Goulart de Barros, R. Antonio S. Bueno 246, BR-09860 Sao Bernardo do Campo (SP). 16-jara fraŭlino, help-oficistino.

Marcus Viana Duque, Rua Gustavo Sampaio 142, ap. 504, Leme, BR-22010 Rio de Janeiro (RJ). 22-jara fraŭlo, studento.

Neyva Rodrigues de Souza e Silva, Rua Pio Dutra 477, BR-21911 Rio de Janeiro (RJ). 23-jara studentino. Tutmonde.

Povas peri korespond-dezirojn de brazilanoj Aloisio Sartorato, C.P. 62615, BR-22257 Rio de Janeiro (RJ), kiu gvidas tutlandan korespondan kurson en Esperanto. La plimulto de la kursanoj estas inter 15- kaj 40-jaraj.

## Bulgario

Katia Belĉeva, ul. Zvezda 53, BG-4002 Plovdiv. 17-jara knabino, kiu ŝatas muzikon, dancon, kinon kaj literaturon. Dz. kor. tutm.

Slavi Jordanov, ul. Grigor Naĉeviĉ 22, BG-5250 Svistov. 13-jara komencanto, dez. kor. pri matematiko, literaturo, muziko (precipe 'Beatles'). Kolektas bk., pm., kaledaretojn.

Arsinja Hajstova, ul. Kobjo Ŝiŝmanov 17, BG-4700 Smoljan. 17-jara lernantino dez. kor. tutm. kun geamikoj de 17- ĝis 23-jaraj.

Violetta Petrova, bl. APK, vh. 6, ap. 1, BG-3330 Mizia. 18-jara, kun ĉiuj landoj. Kolektas kalendaretojn, interesiĝas pri muziko kaj turismo.

## Ĉeĥoslovakio

Kvar 14-jaraj knabinoj de E-rondeto en Zacler dez. kor. tutm. Pavlina Skavova, Mirova 343, CS-542-01 Zacler; Nina Vodickova, J.A. Komenskeho 357, CS-542-01 Zacler; Petra Brandejsova, Rude Armady 20, CS-542-01 Zacler; Michaela Ernstova, B. Nemcove 376, CS-542-01 Zacler.

## Hungario

Szoporyné Szabó Piroska, Altalanos Iskola, Jozsef A. u. 32, H-9653 Répcelak. Lerneja klaso serĉas kontaktojn alilande.

## Jugoslavio

Martina Duricek, ul. Sonje Marinkovic 5, YU-23272 Novi Becej. 16-jara, pri ĉ.t.

## Mongolio

Jo Bjambaĵavt, Cogtcecij Somon, Omno Govio aimako, Mongolio. Gvidanto de E-kurso, kiu volas korespondi kaj deziras helpon kaj materialon por la kursanoj.

## Pollando

Joanna kaj Cezary Kletkiewniki, woj. wloclawskie, CS-87-617 Bobrowniki nad Wisla. 11-jara knabino kaj la 9-jara frato, kun ĉiuj landoj.

## Sovetunio: Litovio

Raimonda Mituzaite, Zemaicij 39-78, SU-235458 Venta. 15-jara junulino, dez. kor. tutm. pri ĉ.t. Ŝatas legi, danci kaj aŭskulti muzikon. Kolektas bk. pri vulpoj kaj lupoj.

Daiva Ŝimaityte kaj Yurate Navickaite, Pasvalio raj. SU-235242 Nakiŝkiai, du 14-jaraj amikinoj dez. kor.

Birute Milliukaiti, Kosmonautu 7-21, SU-235000 Jonava. 12-jara knabino, kolektas pm., glumarkojn, ŝatas pentri.

## Sovetunio: Estonio

16-jaraj junuloj Andres Aitsen, Artur Sandvik kaj Enn Kukk dez. kor. tutm. Ĉiuj interesiĝas i.a. pri komputado.

17-jaraj junulinoj Tiina Kuusmann, Jana Haljand, Jana Kore, Ave Vark kaj Evelin Saatman. Interesoj inkluzivas dancadon, kantadon.

Bv. skribi al la instruisto de ilia grupo: Lehho Joumees, p.k. 45, SU-202020 Kohtla-Jarve 14, Estonio.

## Sovetunio: cetera

Oksana Arĥipova, ul. Sverdlov 5, Ejsk. vil. Voroncovko, SU-353664 Krasnodarskia reg.

Ŝifrina Gelja, ul. Marŝala Ĵukova d. 91, kv.11. SU-644024 Omsk. 15-jara lernantino, kolektas pm., pk. kaj fotojn de bestoj.

Nataŝa Ĵukova, ul. 8 Marta 45, Herson reg. SU-326610 Geniĉesk. 15-jara.

Piotr Brajnikov, Stepana Razina 85-21, SU-618120 Osa, Permskaja oblastj. 15-jara pri ĉ.t.

Atroŝenko Trofim, ul. Dubrovinskogo 106-163, SU-660017 Krasnojarsk. 13-jara junulo. Kolektas monerojn, pm. kaj bk.

Junulara centro, okupiĝas pri sinekkono kaj sinperfektigo laŭ sistemo de tradicia edukado de orientaj luktartoj, interesiĝas pri popolarto kaj diversaj sistemoj de sanigado. Volas spertinterŝanĝi kun similaj kluboj. Eblas skribi Esperante, angle, germane, france. VPC Molodaja Gvardija, ul. Trufanov 30, kor 2, SU-150060 Jaroslavlo.

Nagula Oksana, ul. Proektnaja d. 1. L1, SU-250034 Ĉerginov. Kalendaretoj, bildoj, sonbendoj.

Junulinoj 14–15-jaraj, komencantoj, dez. kor. pri ĉ.t. Mezlernejo n-ro 2. Esperanto-grupo. Aleksando Masjukas. Prosp. Lenina 59, SU-183716 Murmansk.

Minenko Lena ul. Dzerĵinskogo d. 3 L4, SU-250013 Ĉerginov, 14-jara, pri moderna muziko.

Ne forgesu la alian fonton de korespondamikoj por lernejanoj:

**Koresponda Servo Mondskala (KSM) de UEA**

Tiu servo, en kunlaboro kun ILEI, proponas ne nur individuan korespondadon, sed ankaŭ interklasan. Sendu plenajn detalojn pri viaj deziroj:

- Nomo de la respondeca instruisto kaj adreso de la lernejo
- Aĝo kaj sekso kaj evtle. interesoj de la klasanoj
- Landoj kun kiuj oni volas kolektive korespondi
- Kiomlonge validas la peto kaj evtle. pliaj informoj aŭ deziroj.

Aldonu internacian respondkuponon se eble. KSM havas komputilan adresaron. Skribu (sed ege legeble!) al: KSM, François Xavier Gilbert, Vert Coteau, Longeville en Barrois, F-55000 Bar-le-Duc, Francio.

## Lastmomentaj korespondpetoj

La lernantoj ĉ. 14-jaraj el la Esperanto-klaso de konata juna esperantisto István Értl (redaktoro de *Internacia Pedagogia Revuo, Kontakto* kaj siatempe *Opus Nigrum*, kaj nun freŝ-bakita alt-lerneja instruisto) deziras korespondi tutmonde pri ĉiaj temoj. Respondoj garantiataj. Skribu al István Értl, Kecskemet ut 13, H-1053 Budapest, Hungario kun ĉiuj necesaj detaloj.

Sendis longajn listojn da korespondemaj infanoj s-ro Johannes Palu, Sölme 21, SU-200016 Tallinn, Sovet-unio (12-16-jaraj) kaj s-ro Vasile Albu, Str. Eroilor 9, R-2400 Sibiu, Rumanio (35 junaj gelernantoj kaj 24 studentoj pri kibernetika psiko-pedagogio en la univeritato de Sibiu.) Mankas spaco listigi ĉiujn, bv. preni kontakton pere de la donitaj adresoj.

### Post Esperanto – slovake

En Budapeŝto aperis slovaklingva novelaro el la plumo de nia antaŭa redaktoro, Oldřich Knichal. En la biografiaj notoj troviĝas ankaŭ bilanco pri lia verkista agado en Esperanto. Prespretas lia plua prozlibro kaj ankaŭ slovakaj tradukoj el la hungara.

Ár: 15 ft.

# Lastaj pensoj kaj informoj

Finiĝis ĵus milito en la Golfo. Laŭ nia scio, neniu leganto loĝas rekte en la batala zono – ni esperas je rapida restarigo de la paco kaj eltrovo de stabila kaj justa estonteco por la tuta regiono.

Malpaco minacas elbobeli en kelkaj landoj, kie ni efektive havis eĉ multajn legantojn. Kvankam firmaj eblecoj abonigi la revuon tie jam forfalis, ni provas starigi novajn kaj doni tiom elastajn kaj bonkorajn kondiĉojn, kiom permesas nia propra situacio. Nun estas la tempo por iom da solidareco kaj fido, por ke en lokoj sen certeco kaj meze de profundaj perturboj, restu almenaŭ kelkaj modestaj dependeblaj servoj.

Kaj pri *Juna amiko*? Ĝin ne transprenos la Eldonejo de HEA; ĝi restos kun la centra HEA. Ni serĉas malpli kostajn ekspedovojojn post la 50%a altigo en la poŝta tarifo januare. La abonoj tra HELIR falis de 2400 en decembro ĝis 315 nun. Tamen, ni jam ricevis 2000 pagitajn aŭ -otajn (375 el okcidento). Tio bonas, konsiderante la presejan prokrastigon de la varbiloj. Ni esperas je pli ol 2800 pagitaj abonoj kaj presos 3500 ekz. de ĉi tiu numero.

Ĝi estis preskaŭ preta frue en februaro, sed pro la estrar-kunsido de ILEI (cetere tre produktiva) kaj la neceso ekspedi 90/4, eblas nur nun fini la numeron. Ni ŝajne provos la asocian presejon unufoje pli, provante negoci liverdaton anticipe. Vi juĝu la rezulton!

Ni esprimas apartan dankon al kelkaj legantoj, kiuj reagis al niaj malfacilaĵoj per novaj abonoj aŭ donacoj. Specife al s-ro Gustavsen el Norvegio, s-ro Merger el Francio kaj s-ino Caragea el Germanio. La Fondaĵo Carson nin daŭre subtenas. Apartan gratulon meritas nia nova perantino s-ino Carla de Lorenzi, kiu sukcesis jam turmenti siajn samlandanojn kaj liveri 76 abonojn!

De bono al ne-bono. La ekspedon de 90/4 komplikis malapero de kvin parte traktitaj adresfolioj, kune kun poŝtmarkoj kaj ekspediloj el fermita ŝranko en ŝlosita ĉambro de la Asocia sidejo. Unuopa respuro de la 200 adresoj sur la folioj preskaŭ certe riparis la damaĝon; se iu ne ricevis 90/4, bv. reklamacii. Pli verŝajne kelkaj legantoj ricevis dufoje la numeron. Tiukaze bv. akcepti ĝin donace aŭ pli bone por varbi novan leganton! Konsolas nin iom, ke niaj senfinaj zorgoj palas en sensignifon, kompare kun tiuj de niaj legantoj – precipe infanaj – en tiuj bolantaj landoj.     Kuraĝe kaj persiste antaŭen!

*smg, 10 marto 91.*